numero 232 (2009:4)
ISSN 0023-3692

# Kontakto



Otjivero: pionira vilaĝo

Sancho Panza legas la horon sur la ĉielo

Naturmedio, laŭ vegetarana vidpunkto

## ENHAVO



**Saluton!**

Jen en viaj manoj (aŭ sur ekrano) la 4-a numero de Kontakto en 2009. Mi ĝojis ricevi opiniojn de pluraj homoj post la apero de n-ro 2, kaj mi nun pensas, ke la ideo pri miks-tema revuo estis favore taksata.

Krome mi ŝatus klarigi ion, kio ŝajnis al kelkaj iom aparta: la manko de aŭtor-nomoj en kelkaj artikoloj. Tiuj estu konsiderataj kiel produkto de la redaktistaro, rezulto de ties esplor-laboro kaj verkado.

Tamen ne eraru: viaj kontribuoj daŭre estas la plej grandaj valoroj de Kontakto!

Amike,
Federico
*Gastredaktisto de Kontakto*

**Kiel sendi kontribuojn al Kontakto?**

- ✓ Sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan.
- ✓ Se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi.
- ✓ Kontakto ne estas movada revuo, do ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!
- ✓ Indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo.
- ✓ Fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✓ Dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- ✓ Rete bonvolu sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✓ Ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj!

**Koran antaŭdankon!**

**Temoj de la venontaj numeroj de Kontakto**

**Numero 233 (2009:5).** *La ĉef-temo:* "Televido". ***Rapidu pri la kontribuo!***

**Numero 234 (2009:6).** *La ĉef-temo:* "***Idoloj***". *Ĉu estas bone aŭ malbone havi idolojn? Ĉu idoloj helpas aŭ malhelpas al ni fari personan elekton? Rakontu pri la homoj, kiuj laŭ via opinio grave influis vian vivon aŭ la vivon de via lando!* ***Planata limdato: la 1-a de decembro.***

**Numero 235 (2010:1).** *"**Moderna arto**". Ĉu la moderna amas-kulturo meritas la nomon "arto"? Ĉu la novaj teĥnologioj mortigas la arton aŭ male – donas al ĝi novan elanon? Ĉu en la moderna mondo la tradiciaj artoj plu havos la iaman gravecon? Rakontu pri viaj impresoj kaj ŝataĵoj en la moderna artista mondo!* ***Planata limdato: la 15-a de januaro.***

**Kiel ĉiam, ajnatemaj kontribuoj estas bonvenaj kaj ege bezonataj!**


**KONTAKTO**: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). Fondita en 1963. **N-ro 232** (2009:4), 44-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/node/7>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** Kontakto, ul. Rabochaja 24, kv. 29, Jalto, Krimeo, UA-98612, Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio) **Tipografiisto:** Lucas Vignoli Reis (kun helpo de skipo de Preface Design, <http://www.preface.com.br>). **Korektisto:** Aleksandro Galkin (Rusio/Germanio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Daniel Richard Bebelacqua Acosta (Urugvajo), Daniele Binaghi (Italio), Olivier Gaudefroy (Francio), Etsuo Miyoshi (Japanio), Olubunmi Osho-Davies (Niĝerio), Maksim Petrov (Kazaĥio), Saliko (Finnlando), Aneta Ubik (Germanio), Jefim Zajdman (Ukrainio). **Facilingvaj Artikoloj** estas verkitaj en la niveloj *tre facila* kaj *facila*, laŭ la vortolisto de Kontakto. Tiu listo aperas en la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30%. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn kontraŭ dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Salahutuplein 40, NL-5262 ZN Vught, Nederlando. **Kontakto en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz): Radio Havano (Kubo) Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio / 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22:00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15-a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). ***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Bonajn novaĵojn, bonvolu

Ĉu krizo, ĉu mortoj, ĉu katastrofoj... ŝajnas foje, ke nur malbonaj novaĵoj meritas eniri la ĵurnalojn. Sur tio baziĝis la usona vendejo-ĉeno Sears por krei retpaĝaron, kie estas permesitaj nur bonaj novaĵoj: www.gnn.com, *Good News Now* (Bonaj novaĵoj nun).

Unuavide temas pri tutnormala retpaĝo, kun titolo, serĉilo, bildoj, tekstoj... sed oni baldaŭ rimarkas la nombrilon, kiu montras la tagojn, kiuj restas ĝis la semajnfino (oni supozu, ke la optimismuloj kiuj vizitas la paĝaron laboras en la semajno). Inter la tekstoj, kiujn oni povas legi, troveblas iu pri am-letero ricevita 10 jarojn poste, alia pri hundo, kiu savis sian estron de kojoto, aŭ alia pri talentega 9-jara pentristo.

Malantaŭ tiu ĉi idealisma mondo de bonaj novaĵoj estas granda reklama kampanjo. Optimismo estas delonge uzata por tiaj celoj: laŭ la spertuloj, reklamado funkcias, se ĝin akompanas optimismo. La kialo de tio povas ŝajni evidenta: manko de fido inter la konsumantoj igas vendojn draste fali, do amaso da bonaj novaĵoj povus ŝanĝi la situacion.

Nur la veter-prognozo estas foje pesimisma: se pluvos, tion oni ne kaŝas.



# Otjivero: pionira vilaĝo

Otjivero ne estas konata pro iu grava historia okazaĵo, kaj ĝi same ne havas grandajn industriojn aŭ konstruaĵojn. Tamen tiu vilaĝo, 150 kilometrojn oriente de Windhoek, la ĉefurbo de Namibio, havas nun la eblon starigi internacian precedencon por la batalo kontraŭ malriĉeco. En januaro ĝi fariĝis parto de unu el la unuaj projektoj pri la Universala Baza Enspezo.

Ĉirkaŭ 1000 loĝantoj de la vilaĝo ricevadas de la komenco de la jaro po 100 namibiajn dolarojn monate (preskaŭ 8 eŭrojn), danke al projekto, por kiu kontribuas internaciaj donacantoj kaj individuaj civitanoj. La membroj de la komunumo asertas, ke la mono estas destinata al la plibonigo de nutrado, loĝejoj kaj eĉ al la investo en malgrandaj komercoj, laŭ la humana novaĵagentejo de Unuiĝintaj Nacioj, IRIN.

**Malmultekosta redistribuo de riĉeco**

La Baza Enspezo (BE) estas iniciato kies celo estas havigi al ĉiuj civitanoj, sendepende de ilia riĉeco, subvencion kiu certigu minimuman monatan enspezon. Ĝi estas defendata de siaj adeptoj, kiel malmultekLa Baza Enspezo (BE) estas iniciato kies celo estas havigi al ĉiuj civitanoj, sendepende de ilia riĉeco, subvencion kiu certigu minimuman monatan enspezon. Ĝi estas defendata de siaj adeptoj, kiel malmultekosta metodo por redistribui riĉecon en la socio de landoj kiel Namibio, kiuj, laŭ la Programo de UN por Disvolvado, havas tre altan nivelon de neegaleco.

Inter la pozitivaj efikoj de tiu ĉi mezuro, indas substreki tion, ke la pacientoj de la kliniko de Otjivero, kiuj estas tro malsanaj por mem prizorgi sin, komencis ricevi manĝaĵojn, inkluzive de fruktoj, legomoj kaj viando. Tio interalie helpas plibonigi la nutraĵan sekurecon inter seropozitivuloj. La ĉef-flegisto de la kliniko rakontas, ke ĝis la kontribuoj komencis alveni, la pacientoj ofte manĝis nur kaĉon kaj sukeron aŭ, se estis nenio, ili eĉ povis nur trinki sukeran akvon.

La BE estis proponita unuafoje en Namibio en 2002 de la Konsorcio de Impostoj de Namibio (NAMTAX), nomumita de la landa registaro. Ĝi studis la fiskan sistemon



Oni klarigas pri kio temas Baza Enspezo al la loĝantoj de Otjivero
*fotita de Claudia Haarman*


Post la enkonduko de Baza Enspezo, aperis du manĝaĵ-vendejoj en la vilaĝo; antaŭe neniu estis *fotita de Dirk Haarman*

kaj proponis, ke la inciato estu financata de pli alta imposto al la alta kaj meza klasoj de Namibio. La nacia kosto de la BE estas 4% de la brutta nacia produkto de la lando, nome 335 milionoj da eŭroj. Nuntempe, tiu grupo defendas kombinon de disponoj por financi tiun ĉi bazan enspezon en la tuta lando, inkluzive de plialtigo de la enspez- kaj luksvar-impostoj kaj de la aldon-valora imposto.

Hilma Shindondola-Mote, ano de la Instituto por Laboro kaj Esploro, opinias, ke la BE estas la nura maniero redistribui justecon, kiu povus fermi la profundan breĉon ekzistantan inter riĉuloj kaj malriĉuloj. "Estas multe da malriĉaj homoj en tiu ĉi lando kaj la registaro ne havas taŭgajn programojn por redukti malriĉecon", deklaris Shindondola-Mote. La subvencio ebligos reton de sekureco por la namibianoj, kiuj ne havas aliron al pensioj, kiel infanoj aŭ handikapuloj.

**Demandoj kaj respondoj pri la Baza Enspezo**

*Kiel oni povas koncize difini ĝin?*
Ĝi estas monsumo, kiun ricevas ĉiuj homoj nur pro tio, ke


La anoj de Otjivero ĝojas post la ricevo de la unua pago de Baza Enspezo *fotita de Dirk Haarmann*

ili estas naskiĝintaj. Ĝi postulas neniun meriton, laboron aŭ pretecon labori de la ricevantoj, kies viv-tenon ĝi celas garantii. Tiel, la kvanto devas esti sufiĉa por kovri la bazajn bezonojn de homoj.

*Kiu pagus tian monhelpon?*
La plejmulto de la defendantoj de la Baza Enspezo samopinias, ke la plej bona maniero financi ĝin estus imposti konsumadon anstataux enspezojn, posedajxojn ktp. Unuflanke, tio estigus grandan Aldon-valoran Imposton, sed aliflanke efektiviĝus la ĝenerale akceptata mezuro, laŭ kiu la plej riĉaj homoj pli kontribuas ol la malriĉaj, ĉar ĝuste ili pli multe elspezus. Krome, la ŝtatoj ankaŭ ŝparus multe da mono dediĉota al tiu ĉi mezuro, ĉar ĉiuj aliaj sociaj helpoj (pensioj, senlaborulaj asignoj, stipendioj ktp) ne plu estus necesaj.

*Kial do homoj daŭre laborus?*
Nuntempe laboro estas devo, ĉar sen ĝi oni ne povas pluvivi. Tamen, se la enspezoj estus garantiataj, homoj povus dediĉi pli da tempo al volontula laboro, klerigado aŭ eĉ al starigo de propraj negocoj, ĉar la riskon ili povus surpreni danke al la certeco, ke ili sekvontmonate ricevus sian BE-salajron. Aldone, tiaj laboroj, kiuj tradicie havas malbonan reputacion, estus revalorigataj: ĉar neniu havus la premon akcepti ilin pro bezono en malbonaj kondiĉoj, ili devus esti pli bone pagataj.

*Kiu defendas tiun aktivaĵon?*
Ekzistas multaj sendependaj organizoj, kiuj organizas homojn por disvastigi tiun ĉi proponon. Ili publikigas verkojn, organizas prelegojn kaj kontaktas ŝtatestrojn. Ankaŭ kelkaj politikaj partioj defendas la Bazan Enspezon, kaj klopodas ĝin efektivigi laŭeble en la registaroj, en kiuj ili havas voĉdonrajton. Ĝenerale maldekstraj partioj konsentas pri la principo, sed ankaŭ multaj liberalismaj grupoj vidas en ĝi avantaĝojn.

*En kiuj landoj ekzistas politikoj favoraj al la Baza Enspezo?*
Ekde 1951 ekzistas en Kanado iuspeca Baza Enspezo, kiu aplikiĝas al civitanoj de pli ol 65 jaroj. Ĝi kompletigas la pensiojn de la kotizintoj, sed ankaŭ iras al la aliaj. Same en Alasko ekzistas Baza Enspezo kaj en la ŝtato Porto Alegre en Brazilo la registaro enkondukis similan monhelpon por infanoj de malriĉaj familioj.

*Kiel oni povas plu informiĝi?*
Eblas viziti la retpaĝaron de landaj aŭ internaciaj organizoj, kiuj defendas la Bazan Enspezon. *Basic Income Earth Network* (www.basicincome.org) havas ligilojn al multaj naciaj aŭ regionaj grupoj, kiuj povas informi interesatojn. Sur tiu ĉi retpaĝaro legeblas ankaŭ tre detalaj kaj fakaj informoj pri la ideo mem.

*La fotaro de tiu ĉi artikolo estas komplezo de "BIG Coalition Namibia" (http://www.bignam.org).*


La nombro de infanoj en la vilaĝa infan-vartejo kreskis de 13 antaŭ la BE ĝis 52 post ĝia enkonduko *fotita de Dirk Haarmann*

# 1,92 milionoj da dolaroj kontraŭ 24 kantoj

Virino el Minnesota (Usono) devos pagi 1 920 000 usonajn dolarojn al diversaj son-diskaj entreprenoj ĉar ŝi kontraŭleĝe elŝutis 24 kantojn el interreto. Ili kostos al ŝi po 80 000 dolarojn.

Jammie Thomas-Rasset jam spertis similspecan juĝon en 2006, kiam ses entreprenoj akuzis ŝin pri elŝuto kaj distribuo de pli lo 1 700 kantoj pere de la programo Kazaa, kvankam la proceduro tiam estis nuligita. Ĉi-foje la ĵurio uzis ekrankopiojn, kaj plurajn diskojn originalajn aŭ kun elŝutita muziko, por fari sian decidon. Ĝi krome deklaris, ke distribui protektitajn materialojn estas leĝ-rompo, kvankam ĝi ankaŭ nuancis, ke "meti ion je la dispono de iu" estas en si mem distribuo. RIAA, la asocio de la disk-industrio de Usono, denuncis jam 30 000 homojn pri kontraŭleĝa dosier-elŝutado, sed ĝis nun nur Thomas-Rasset estis juĝita.

**Kopirajtoj kaj rajtocedoj**

Kiel alternativo al la kopirajtoj kaj ties limigoj, ekzistas ankaŭ *rajtocedoj* (proponata traduko de la angla vorto *copyleft*). Ili estas grupo de aŭtoraj rajtoj, kiuj forigas la restriktojn pri distribuo kaj modifo, kondiĉe ke la rezulta laboro daŭre havu la saman permesilon. Unu el la organizoj, kiuj celas starigi leĝan bazon por la distribuo de tiaj kreivaj laboroj estas *Creative Commons*, fondita en 2001.



# Diktatoroj kontraŭ aidoso

Ĉu diktatoroj taŭgas por kontraŭbatali aidoson, dubas la germana NGO *Deutsche AIDS Hilfe* (Germana helpo kontraŭ aidoso, DAH). La organizo *Regenbogen* (Ĉielarko) malsamopinias. Ja ili planas lanĉi kampanjon, kiu montros Adolf Hitler seksumanta kun juna knabino. En aliaj similaj scenoj, la rolon de Hitler havas Josif Stalin aŭ Sadam Hussein, ĉiam danke al foto-retuŝado.




La slogano de la videoj kaj afiŝoj tekstas: "Aidoso estas amas-murdisto". Tiu estas la mesaĝo, kiu laŭplane devus atingi la germanan publikon la 1-an de decembro, okaze de la internacia tago kontraŭ aidoso. Tio estas, se oni permesos.

La organizo DAH jam postulis la ĉesigon de la kampanjo. Carsten Schatz, estrarano de DAH, argumentis, ke ĝi estas unu el la malplej bonaj kampanjoj por tiu celo kaj ke, krome, ĝi komparas infektitojn kun amas-murdistoj. Laŭ ŝia opinio, tiuj bildoj ankaŭ ofendas la viktimojn de naci-socialismo kaj damaĝas la preventon de aidoso. Ŝi aldone diris en komunikaĵo, ke la kampanjo "havas neniun mesaĝon pri la maniero sin protekti kontraŭ HIV aŭ kontraŭ aliaj veneraj malsanoj". DAH ankaŭ anoncis, ke ili ekstudis la eblon leĝe denunci la organizantojn de la kampanjo.

Regenbogen, siaflanke, sin defendas: "Ĝis nun mortis en la mondo pli ol 28 milionoj da homoj kaj ĉiutage estas 5 000 novaj viktimoj. Tiel, aidoso estas unu el la plej grandaj amas-murdistoj, kiuj ĝis nun ekzistis".

# Sancho Panza legas la horon sur la ĉielo

verkis David Galadí-Enríquez, adaptis la redaktisto

En la paĝo 138 de la traduko de *DonkiĤoto* fare de Fernando de Diego, Donkiĥoto proponas plenumi agon, kiu ŝajnas konsistigi grandan aventuron. Noktas kaj Sancho timas. Tial, li diras al Donkiĥoto:

> *...kaj se via moŝto tamen insistas plenumi ĉi aventuron, tion prokrastu almenaŭ ĝis la mateniĝo. Laŭ la scienco, kiun mi lernis paŝtante, de nun ĝis la mateniĝo pasos ne pli ol tri horoj, ĉar la faŭko de la ursino troviĝas super nia kapo, kaj en la noktomezo ĝi vidiĝas en linio kun la liva brako.*
>
> Donkiĥoto respondas:
>
> *Kiel vi, Sancho, povas vidi, kie kuŝas tia linio, aŭ kie troviĝas la faŭko kaj la kapo, pri kiuj vi parolas? La nokto estas tiel nigra, ke en la tuta ĉielo brilas eĉ ne unu stelo.*

Tute evidente, Sancho uzas ĉiujn rimedojn, kiujn li havas, por konvinki sian mastron ne plenumi la aventuron. Sed nun interesas nin la tempa argumentado: Sancho asertas, ke ĝis la mateniĝo mankas malpli ol tri horoj, kaj tion klarigas per iom konfuza parolado pri metodo, kiun li lernis, kiam li estis paŝtisto. La Sancha parolado havas iun signifon, ĉar evidentas, ke Donkiĥoto komprenas tuj, ke ĝi iel rilatas al la ĉielo, al la steloj. Sed ni rigardu pli detale la kernajn vortojn en la Sancha argumentado komparante la originalon kun la traduko:

---

Sancho diras:
Hispanlingve:
*La* ***boca de la Bocina*** *está encima de la cabeza...*
Laŭ De Diego:
*La* ***faŭko de la ursino*** *troviĝas super nia kapo...*

---

Kaj Donkiĥoto respondas:
Hispanlingve:
*...dónde está esa* ***boca*** *o ese colodrillo...*
Laŭ De Diego:
*...kie troviĝas la* ***faŭko*** *kaj la kapo...*

---

Laŭvorte la traduko de la originalo *la boca de la Bocina* devus esti «la buŝo de la Muzik-korno» aŭ eble «la buŝo de la Trumpeto». Tamen, De Diego tradukas «la faŭko de la ursino». En la Donkiĥota respondo, *la boca* («buŝo») plu estas ne «buŝo» sed «faŭko». La hispana popola vorto *colodrillo* signifas «nuko» (tradukita per «kapo»).

Kiun sencon havas ĉi tiuj diferencoj? Ĉu De Diego eraris? La respondo estas *ne*, kaj ni tion klarigos tuj. Por ĉion kompreni, ni devas iomete memori pri astronomio. Bonvolu sekvi nin.

En bildo 1 ni vidas la planedon Tero kun la norda poluso supre. La planedo turniĝas (rotacias) orienten kaj do ĉio sur la ĉielo ŝajne moviĝas okcidenten: la Luno, la Suno, la steloj, ĉio leviĝas je unu flanko de la horizonto kaj subiras je la alia. Tamen unu stelo troviĝas en speciala loko ĉiela: la Polusa stelo (Polaris) kuŝas preskaŭ ĝuste rekte super la norda poluso de la Tero kaj ĝi estas do la sola stelo, kiu restas tute fiksa sur la ĉielo dum la tempo pasas. Kiam la Tero rotacias, ĉio turniĝas sur la ĉielo el oriento okcidenten, sed ne la Polusa stelo, kiu agas kiel rotacia centro, ĉirkaŭ kiu la tuta ĉiela volbo rondiras dumnokte.

En bildo 2 ni lernas kiel trovi la Polusan stelon. Bonaj gvidiloj tiucele estas la konstelacioj Granda Ursino kaj Kasiopeo. La Polusa stelo estas parto de la konstelacio Malgranda Ursino. Du steloj en la Malgranda Ursino ricevas la nomon «la Gardistoj», kaj ili estas speciale gravaj por niaj celoj nun.




B1 La ĉielo ŝajne moviĝas, ĉar la Tero rotacias orienten




B2 Kiel trovi la Polusan stelon uzante ĉirkaŭajn astrojn kiel gvidilojn

Ni rigardu pli detale la konstelacion Malgranda Ursino. Per linioj ni konsideru (bildo 3) la manieron, laŭ kiu oni kutime prezentas ĝin en nuntempaj astronomiaj libroj. La nordan poluson ni signas per kruco: rigardu, kiel proksimege al la Polusa stelo kuŝas tiu poluso. Sed ĉu vi ne ŝatus la ludon imagi aliajn bildojn en tiu konstelacio? Hispanaj kamparanoj tradicie vidis en la Malgranda Ursino ne beston, sed kornon, muzik-kornon (vidu ankaŭ bildon 3). Nun ni komprenas: kiam Sancho parolas pri *la Bocina*, li aludas ne realan muzik-kornon, sed ĉielan konstelacion internacie konatan sub la nomo Ursino. Tial De Diego ĝuste tradukis, kaj eĉ aldonis tre trafan klarigan piednoton: «temas pri la konstelacio Eta Ursino, laŭ kies diversaj pozicioj oni povas proksimume kalkuli, konsiderante la sezonon, kioma horo estas en la nokto».




B3 La nudaj steloj en la konstelacio Malgranda Ursino (maldekstre). Kutima nuntempa priskribo de tiu konstelacio (centre). La «Muzik-korno» (*Bocina*) vidita de praaj hispanaj kamparanoj en tiu konstelacio (dekstre)

Kiel dirite, la Polusa stelo restas senmova, dum la tuta ĉielo (kaj ankaŭ la tuta konstelacio Malgranda Ursino) rondiras ĝin. Ni do facile komprenas, ke oni povas kalkuli la horon rigardante la pozicion de la Malgranda Ursino rilate al la senmova Polusa stelo. La steloj, kiuj en la Malgranda Ursino troviĝas en loko kontraŭa al la Polusa stelo, agas kiel montriloj de ĉiela horloĝo. Tiuj steloj nomiĝas la Gardistoj. Ni lernu legi la horon per ili. Sed, kiel bone rimarkis De Diego, oni devas konsideri la sezonon, ĉar la ĉiela horloĝo funkcias malsame depende de la sezono. Komence de la jaro, la Gardistoj troviĝas rekte sub la Polusa stelo frue en la nokto. Dum la nokto progresas, la Gardistoj rondiras kontraŭ-horloĝe. Ni atentu: la montrilo de la ĉiela horloĝo rondiras laŭ direkto kontraŭa al tiu de normalaj mekanikaj horloĝoj.

Por uzi la ĉielan horloĝon en aliaj sezonoj, oni konsideru, ke la Gardistoj troviĝas aliloke komence de la nokto. Bildo 4 montras kiel funkcias ĉio ĉi en kelkaj momentoj de la jaro. Por mezuri la pozicion de la Gardistoj, praaj hispanaj paŝtistoj imagis krucon sur la ĉielo (bildo 5), kaj ili komparis la pozicion de la steloj rilate al la brakoj kaj kapo de la kruco. Tial Sancho parolas pri brako, kapo ktp.




B4 Movo de la Malgranda Ursino ĉirkaŭ la Polusa stelo en kelkaj monatoj (bazita sur la libro de Comellas menciita ĉe la fino)



B5 La kruco de la paŝtistoj (parte bazita sur la libro de Comellas)

Nun ni komprenas: «la faŭko de la ursino troviĝas super nia kapo, kaj en la noktomezo ĝi vidiĝas en linio kun la liva brako». Sancho parolas pri la tradicia metodo legi la horon sur la ĉielo. Aldone, ni vidu, ke li tute fuŝe aplikas ĝin.

Krom la fakto, ke la ĉielo estas tute nuba —laŭ Donkiĥoto, neniu stelo videblas—, Sancho eraras plurfoje. Se la faŭko de la ursino noktomeze vidiĝas en linio kun la liva brako, do nun estas julio (vidu bildon 4). Tiu dato pli-malpli kongruas kun la romana kunteksto kaj kun la rakonto. Tamen se ĝi troviĝas nun super nia kapo kaj se, aldone, ĝi moviĝas maldekstren (kiel ni jam scias), do nun la nokto ekas kaj ankoraŭ mankas ne nur tri sed multaj horoj ĝis la mateniĝo.

En la tempo de Cervantes, ĉiuj kamparanoj sciis kalkuli la horon per tiu metodo kaj tial la fuŝa apliko farita de Sancho estis tute evidenta kaj eĉ ridiga. Tamen en la nuntempa Hispanio tiu tradicia kono perdiĝis kaj nun ĉi tiu eta parto de la verko estas plene kripta. Eĉ kleraj modernaj kritikistoj de Cervantes tute malbone komprenis ĉi tiun parton de la romano.

Kiel ni povas, en la 21-a jarcento, agi kiel la kamparanoj de la Cervantaj tempoj kaj legi la horon sur la ĉielo? Necesas nur fari simplajn kalkulojn.

Ni rigardu al la Polusa stelo, kaj ni imagu la ĉielan horloĝon (bildo 6) kun numeroj de 0 ĝis 24, kreskantaj kontraŭe al la normalaj horloĝoj: do, la horoj kreskas maldekstren. Numero 0 aperu ĉiam supre, numero 6 maldekstre, numero 12 sube, numero 18 dekstre. La montrilo de la horloĝo estas la Gardistoj aŭ, iom pli precize, la plej brila el ili, tiu stelo konata sub la nomo Koĉab'.

Imagante la horloĝon, agu tiel ĉi:

1. Legu la horon montratan de la horloĝo, L.
2. Kalkulu en kiu duonmonato, ene de la jaro, vi estas, Q.
3. La suna loka horo estas H = L – Q + 33.
4. Aldonu unu horon dum vintra horaro, du horojn dum somera horaro (tiu indiko validas por Hispanio kaj Francio, sed tute ne necesas en Germanio, ekzemple).
5. Fine, se la rezulto estas pli granda ol 24, subtraĥu 24 por ricevi kvanton inter 0 kaj 24.

## LEGU PLI ...

**Galadí-Enríquez, David kaj Wandel, Amri. La kosmo kaj ni.** Galaksioj, planedoj kaj vivo en la universo. Fundación Esperanto, FEL. Antverpeno. 2005 (2-a eld).




B6 La ĉiela horloĝo. Numero 0 ĉiam aperu supre. La Malgranda Ursino agas kiel montrilo. En ĉi tiu bildo, ĝi signas la trian ĉielan horon (L = 3)

# Naturmedio, laŭ vegetarana vidpunkto

Francesco Maurelli (Italio/Skotlando)



Fotita de Julie A. Brown CC–BY–SA

Naturmedio estas ĉiam pli kaj pli debatata temo. Homoj komencas ekkonscii pri la monda varmiĝo kaj pri la kondiĉoj de nia planedo tiel ke multaj parolas nuntempe pri ekologia krizo. Kaj kiam estas krizo, oni klopodas elpensi solvojn kiuj helpu eliri el la kriz-periodo kaj permesu bonan antaŭeniĝon. Tio estas la celo de COP15, konferenco organizata de Unuiĝintaj Nacioj, kiu okazos en Kopenhago venontan decembron por diskuti klimat-ŝanĝon. Multaj estas la dokumentaj filmoj kaj libroj kiuj pritraktas la tiel nomatan "elteneblan evoluadon". Famuloj kiel Al Gore aŭ la angla princo Charles iĝas pli kaj pli konataj kiel batalantoj por savi nian planedon.

Tamen, kiam oni parolas pri eltenebla evoluado, oni ofte forgesas gravan parton: tion kion ni manĝas! Se ni enketas surstrate, kiuj estas la plej gravaj kaŭzoj de gaseligo, la respondoj estas la kutimaj: flugoj, aŭtomobiloj, industrioj… Preskaŭ neniu konas la raporton de FAO (Organizaĵo pri Nutrado kaj Agrikulturo – UN) kiu, post atenta studado, listigas kiel unuan kaŭzon intensivan bestobredadon [*FAO, 2006*]. Tiu ĉi artikolo prezentos plurajn aspektojn konektante la sanstaton de nia planedo kun la aĵoj, kiujn ni metas sur niajn telerojn ĉiutage. Indas substreki ke ĝi ne celas altrudi perforte la etikajn opiniojn de la aŭtoro pri bestrajtoj kaj vegetarismo, sed prezenti objektivajn faktojn, ciferojn kaj sciencajn publikaĵojn.

**Timigaj ciferoj**

Laŭ IPCC (Interregistara Panelo pri Klimat-Ŝanĝo), la tera temperaturo plialtiĝis sendube dum la lasta jarcento [*IPCC, 2007*]. Kvankam estas malfacile kalkuli ekzakte kiom multe ĝi varmiĝis, la verŝajna valoro estas 0,18 °C. Laŭ la sama pristudo la ĉefa respondeco pri ĝi estas homa. La averaĝa senarbigo de Amazonio estis 22 392 km² jare en la periodo 2000-2005 [*Barreto, 2006*]. Viandoproduktado

pli ol duobliĝis ekde 1970 [*Nierenberg 2005*].

Kiamaniere tiuj ciferoj estas ligitaj? Kaj, pli specife, kiel viandoproduktado rilatas al la sanstato de nia planedo?

**Tero-uzo**

Kompreneble la uzebla tero sur la planedo ne estas senlima. Se konsideri, ke la homa loĝantaro pli kaj pli multiĝas, ne nur indus sed endus uzi racie kaj efike la disponeblan teron. La MondSava Fondaĵo pristudis kiom da tero estas bezonata por diversaj tipoj de manĝaĵo.

Per la sama terokvanto uzata por produkti 50 kilogramojn da bovviando eblas havi 1 000 kilogramojn da ĉerizoj aŭ 4 000 kilogramojn da pomoj aŭ 6 000 kilogramojn da karotoj. Ĉu vere ni povas malŝpari tiom da tero por plenigi nian teleron? Tiuj ĉi nombroj estas surprizaj por multaj, ĉar oni kutime ne konsideras ke la bestoj devas manĝi ĉiutage. Granda parto (du trionoj!) de la kultivaĵoj en la mondo ne eniras niajn domojn, sed estas uzata por satigi bestojn. Se oni konsideras Usonon, la proporcio plialtiĝas ĝis 93% [*World-Watch-Magazine, July 2004*]. 90% el la produktita sojo en la tuta mondo estas por nutri bestojn [*MondSava Fondaĵo*].

Por produkti ununuran kilogramon da bovviando necesas kutime ĉirkaŭ 300 m², dum por produkti la saman kvanton da rizo aŭ pastaĵo sufiĉas nur 17 kaj eĉ nur 6 se temas pri legomoj aŭ terpomoj. [*WWF Svislando*].

Ĉar viandoproduktado postulas tiom da tero, viandproduktantoj devas ĝin trovi ie sur la planedo. Tre bedaŭrinde, oni komencis forigi la brazilan pluvarbaron pro tio. Oni taksas ke ĉirkaŭ 40% estis forbruligita/forigita ĉefe por produkti bestmanĝaĵon. Estas esence kompreni ke tio estas problemo ne de Brazilo, sed de la tuta mondo, pro la granda oksigenkontribuo, kiun perdas la tuta atmosfero. Eĉ pli grave estas ne kulpigi brazilanojn pro tio: Eŭropa Unio importis 1,5 milionojn da viandtunoj en 2004. Pli ol triono estis brazildevena!

Se ni volas konsideri aliajn parametrojn krom simplan ter-uzon, ni konsideru ke por produkti 1 kilogramon da viando necesas inter 7 kaj 16 kilogramoj da greno/sojo. Rilate al proteinoj, la raporto pri transformado de vegetaraj proteinoj al bestaj proteinoj estas denove 16:1 [*Internacia Centro pri Nutrada Ekologio*].

**Akvouzo**

Pli kaj pli ofte oni konsideras akvon kiel la oron de la nova jarmilo. Pluraj fakuloj jam prognozas ke estontaj militoj



Fotita de Leonardo F. Freitas 

okazos por akiri akvon. Se vi estas tiom trafita de tio kaj decidas ne duŝi vin dum unu jaro por ŝpari akvon, nu... rezignante je duonkilogramo da bovviando vi ŝparos pli da akvo [*J. Robbins, The food revolution, 2001*], kaj viaj najbaroj ne forfuĝos ;-).

Umberto Veronesi, kirurgo kaj eksa itala ministro pri sano, en freŝdata intervjuo klarigis ke por produkti 1 kilogramon da bovviando necesas 15 000 litroj da akvo, dum sufiĉas nur 100 por produkti 1 kilogramon da legomoj.

Dieto kiu konsistas je 80% el legomoj kaj 20% el viando bezonas 1 300 m³ da akvo/persono. Vegetara dieto bezonas ĉirkaŭ duonon de tio. Bedaŭrinde la averaĝa dieto de homoj en industriigitaj nacioj enhavas 30-35% da viando, do ĝi bezonas multe pli da akvo [*Rockström et al. 1999*].

**Fek'**

Ja tion mi pensis la unuan fojon, kiam mi eksciis pri tiuj ĉi ciferoj... Tamen fekaĵo havas gravan rolon por la naturmedio kaj ne estas nur interjekcio.

Fekaĵo kaŭzas grandan enigon de azoto en la atmosfero. Azoto ligiĝas kun hidrogeno kaj formas amoniakon, ĉefan respondeculon pri arbar-detruo [*Holzer 1993*].

Iom da azoto en la tereno helpas, tro da azoto havas la malan rezulton kaj estas danĝera. Kiam tro da azoto (kaj tio estas la kazo de intensiva bredado) eniras la akvon (subteran aŭ riveran, ekzemple), ĝi helpas nenaturan vivecon de algoj, kiuj suĉas oksigenon. Manko de oksigeno en la akvo estas grava problemo. Ekzemple la svisaj lagoj de Sempach kaj Baldegg bezonas artefaritan spiraparaton, ĉar ne estas sufiĉe da oksigeno en la akvo!

La dua problemo kiu rilatas al fekaĵo estas metano: bov-bredado produktas 115 mil milionojn da kilogramoj da metano ĉiujare. Ni ĉiuj plurfoje aŭdas pri la riskoj kaj danĝeroj de karbondioksido, tamen metano estas 25-oble pli danĝera ol ĝi [*Rifkin et al.*].

La raporto de FAO citita ĉe la komenco montras ke transportado kontribuas al 16% de gas-eligo en la aeron, dum intensiva bredado estas la unua kaŭzo: 18%.

Citindas la filmo *Meat the truth* ("Renkontu la veron/ viandon", spektebla ĉe youtube, dividita en naŭ partojn), kiu klarigas tre bone la efikon de viandmanĝado kaj rilatojn kun gas-eligo kaj fekaĵo. Dum nur unu tago laktobovino eligas tiom da gaso kiel aŭtomobilo dum tra 50 km. Oni kalkulis ke se ĉiuj usonanoj rezignus pri viando por nur unu manĝo semajne, ĝi havus la saman rezulton kiel la forigo de 500 000 aŭtomobiloj el la stratoj.

**Kio pri fiŝado?**

Ankaŭ fiŝmanĝado havas fakte malbonan alfronton kontraŭ la medio. Oni tiom multe fiŝkaptis en la lastaj jardekoj ke en la maroj ĉiam malkreskis la nombro de specifaj fiŝoj. Por permesi al la homoj daŭre manĝi la plej ŝatatajn fiŝojn, oni komencis pretigi strukturojn por fiŝbredado. Problemo estas ke por produkti 1 kilogramon da bredita fiŝo oni bezonas 2 kilogramojn da sovaĝ-fiŝoj [*Naylor 2000, Nature*] kaj la maro iĝas pli kaj pli malplena. Italio estas duoninsulo kaj importas plejmulton el la fiŝoj manĝotaj. Se ni konsideras ke du trionoj de la fiŝkaptaĵo estas kutime uzataj por produkti manĝaĵon por teraj bestoj [*World-Watch Paper 171*], estas evidente ke tiu sistemo ne estas eltenebla.

La troa postulado igas homojn pretigi pli kaj pli da strukturoj por fiŝbredado, kiuj kutime estas ĉe la marbordo. Tre ofte oni detruas la tieajn arbarojn por havi lokon. Filipinoj origine havis 500 000 hektarojn da arbaroj kaj nun malpli ol 36 000 [*J. Robbins, The food revolution, 2001*]. Tiaj arbaroj havis plian unikan kaj gravan funkcion: esti barilo por marondegoj kaj ventegoj, barilo kiu nun ne plu ekzistas kaj ni jam povis vidi la rezultojn...

**Konklude**

Mi volas fini per la vortoj de profesoro P. Cheeke: "Intensiva bredado estas fronta atako al la medio, kaj alportas grandegajn problemojn en aer- kaj akvo-poluado" [*P. Cheeke, The Environmental Magazine, 1999*]. Se vi volas helpi nian planedon, bona maniero estas manĝi malpli da viando! Simple elektu unu tagon semajne kaj ĉiam klopodu kuiri aŭ mendi vegetaran manĝaĵon. Viaj posteuloj dankos vin pro pli bona naturmedio!


*Fotita de "Compassion in Old Farming" CC–BY–NC–ND*

# Okazis en 1959...

**La 2-an de februaro** Indira Gandhi estis nomumita prezidanto de la politika partio Barata Nacia Kongreso. 7 jarojn poste mortis la tiama prezidanto de Barato kaj ŝi transpenis la postenon. La sekvan jaron ŝi venkis en la balotadoj kaj iĝis tiel la unua elektita ina prezidanto de la lando. En 1975 ŝi estis akuzita pri malgranda rompo de la leĝo pri elektoj kaj, defendante sian senkulpecon, ŝi deklaris sieĝo-staton en Barato, kiu daŭris ĝis 1977.

Indira Gandhi violente kontraŭbatalis siĥan terorismon kaj ankaŭ enkondukis polemikan naskiĝ-limigan politikon, kiu inkluzivis programon por steriligo. En multaj el ŝiaj agoj videblis la influo de ŝia filo Sanjay. Ŝi malvenkis en la balotadoj de 1977, sed denove venkis en 1980.

En 1984 Indira Gandhi estis mortigita de du siĥoj, kiuj estis membroj de la teamo de ŝiaj korpo-gardistoj. Tiun okazaĵon sekvis amasa kaj kruela masakro de siĥoj fare de kelkaj partianoj de Indira Gandhi.

**Krome okazis en 1959...**

- Sovetunio pafis la unuan hom-faritan objekton, kiu sukcese forlasis la teran orbiton.
- Günter Grass publikigis la romanon *La lada tambureto*.
- La papo Johano la 23-a anoncis la 2-an Vatikanan Koncilion.
- Britio garantiis al Kipro ĝian sendependecon, kiu efektiviĝis en 1960.



De la Usona Biblioteko de Kongreso



*Krucvorto de Stano Marček, el 107 “Krucenigmoj en Esperanto”, Martin: La aŭtoro, 2008.*

**Horizontale**

A – Ligiĝi per edzeco – pronomo (mi + vi). B – Plenda ekkrio – dormigi infanon – deviga jura regul'. C – Okupi domon – simbolo de titano – turniĝo, rondiro. Ĉ – Kondiĉa subjunkcio – femala – unu el la musketeroj (Dumas). D – Sufikso (alta grado) – glob' – nordamerika indian'. E – Plus – piglofolia arbed' – proviz' per ĉio necesa. F – Daŭro, ripetado (fam.) – sagace trompas – maljuna. G – Altiri per io bona – part' de jaro – finaĵo de prezenco. Ĝ – Identa, egala – vira vesto – refleksiva pronomo. H – Parlamenta ĉambro – trinkvazo. Ĥ – Unuiĝintaj Nacioj – trafo per pilko – dekdumonata. I – Membro-abonanto – kopii, fari la samon – modela, karakteriza. J – Malgranda – tro ŝparema – part' de kurbo. Ĵ – Nia planedo – manĝaĵ' el ovoj – malaĝa (rad.). K – Vernea kapitano – vidorgan' – konkluda konjunkcio. L – Kontakto (mll. de la revuo) – interjekcio de abomeno – kolektiva – lok', ĉambr'. M – Greka litero – estu surprizita – prapatrin'. N – Infinitiva finaĵo – parto de pantalono (fam.) – ruse “tio”. O. Ukraina havenurbo – grandaj muzikaj instrumentoj.

**Vertikale**

1 – Esperantista Vegetarano (inicialoj de la gazeto) – gren' por panfarado – malgranda monkvant' – laŭta voĉbruo. 2 – **Unua parto de la kaŝita proverbo** – romane: 500. 3 – Zoologia ĝardeno – adebt' de hindua doktrino – limigita surfaco – enkonduka subjunkcio. 4 – Substantiva finaĵo – prepozicio (tute al) – prezenti al si en la spirito – sufikso indikanta tumoron – kvant' da materio. 5 – Litro – suferej' en Biblio – rilata al malgranda materiero – okupo, publika profesio. 6, Instrument' – ventolad' – oleoriĉa frukto – paŝu, moviĝu. 7 – Akver' – tropikaj grajnoj – ĉefurbo de Kanado – vazo. 8 – Poseda pronomo – loĝeja mebl' – rilata al azia ŝtato – valora metal'. 9 – Senseksa pronomo – radiumo – grandaj tolaj ujoj – havanta ornamajn aperturojn – gramo. 10 – Romane “1” – stultrigarde – komponaĵ' por orgeno – purig' per akvo – adverba finaĵo. 11 – Rilata al senkonka heliko – rilataj al kantmelodio – sur iun lokon. 12 – **Dua parto de la kaŝita proverbo.** 13 – Fariĝos – forta deziro – haŭtaj ŝvelaĵetoj – bedaŭra interjekcio.

***Helpo:*** *Giro, aĵura, om.*

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | 7 | | | | |
| 4 | | 6 | | | | | 9 | |
| | | 8 | 9 | | | 1 | | 6 |
| 1 | | | 4 | | 2 | | | 9 |
| 6 | | 2 | | 3 | | | | |
| | | | | | | | 7 | |
| 5 | 7 | | 3 | 8 | | 9 | | |
| | | | | | | | | |
| | 8 | 9 | | | 7 | | 4 | 3 |

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 9 | | 8 | 3 | | | | | |
| | | 3 | | | | 4 | | |
| 7 | | | 6 | 9 | | 5 | | |
| | | 4 | | | 3 | | 7 | 1 |
| 1 | | | | | 2 | | | |
| 8 | | 9 | | | | | | 2 |
| | 9 | | | | 4 | 6 | | |
| | | | | | 5 | 2 | | |
| | 1 | | | 2 | | 4 | | |

## Subtenu la agadon de TEJO!

Ekzistas multe da ebloj helpi TEJOn en ĝia agado. La plej gravaj estas membriĝi aŭ patroniĝi. Sed vi povas helpi ankaŭ al konkretaj agaderoj de TEJO.

Mondonacojn por ĝenerala agado de TEJO bv. Pagi al la UEA-konto “tejtej” (indiku la celon de la donaco, ekz: “donaco por KER” aŭ “donaco por landa agado”). Ankaŭ eblas fari donacon por specifaj celoj:

- Fonduso “Partoprenu IJKon” – per ĝi TEJO subvencias la partoprenon de TEJO-aktivuloj en IJK;
- Pasporta Servo – eble la plej fama eldonaĵo de TEJO.

Por pliaj detaloj pri pagmanieroj, bv. rigardi ĉe <www.uea.org/alighoj/pag_manieroj.html> aŭ demandi ĉe la Centra Oficejo.

TEJO dankegas vin pro via subteno!

**JUNA AMIKO – Internacia E-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

- aĝas 30 jarojn kaj aperas 3-foje (aprilo, septembro, decembro) sur po 52 plurkoloraj paĝoj kun plenkoloraj kovriloj;
- havas kunlaborantojn el ĉiuj kvin kontinentoj;
- rabato ĝis 50%!

Karakterizas ĝin:
*Modela stilo kaj facila lingvaĵo* (1500 vortradikoj sen glosoj), *enhavo tre varia:* rakontoj, fabeloj, raportoj, informoj, interesaĵoj, enigmoj, kvizoj, versaĵoj, ludoj, kantoj, humuro, lingvaj konsiloj, interkulturo, kuriozaĵoj, voĉo de legantoj k.a. kun multaj ilustraĵoj.

JUNA AMIKO estas fonto de taŭgaj legaĵoj por komencantoj, fidinda helpilo por E-kursgvidantoj.

Vizitu nian TTT-ejon: <www.junaamiko.inf.hu> aŭ en <www.lernu.net>!

## ĈU VI SERĈAS KORESPONDAMIKON?

Sendu al Koresponda Servo Mondskala jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, ne uzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.
Skribu: **Koresponda Servo Mondskala, B. P. 6, FR-55000, Longeville-en-Barrois, Francio**

## KOTIZTABELO DE UEA POR 2009

**MG** Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado
**MJ(-T)** Membro kun Jarlibro (kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago)
**MA(-T)** Membro-Abonanto: kiel MJ(-T) plus la revuo Esperanto
**MA** ricevas la Jarlibron, la revuon Esperanto, kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, la revuon Kontakto
**SA** Simpla abono al la revuo Esperanto, sen membreco en UEA
Kto Abono al la revuo Kontakto, sen membreco en UEA/TEJO
**SZ** Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA)

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 16 | 40 | 100 | 60 | s6 | 200 |
| Aŭstrio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Belgio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Brazilo/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Britio/pundo | 7 | 18 | 45 | 29 | 18 | 90 |
| Ĉehio/krono | 170 | 420 | 1050 | 670 | 425 | 2100 |
| Danio/krono | 70 | 175 | 440 | 280 | 180 | 880 |
| Estonio/krono | 100 | 240 | 600 | 380 | 245 | 1200 |
| Finnlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Francio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Germanio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Greklando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Hispanio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Hungario/forinto | 1600 | 4000 | 10000 | 6400 | 4000 | 20000 |
| Irlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Islando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 45 | 27 | 16 | 90 |
| Italio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Japanio/eno | 1500 | 3700 | 9200 | 5500 | 3300 | 18400 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Latvio/lato | 4 | 11 | 27 | 17 | 11 | 54 |
| Litovio/lido | 20 | 50 | 130 | 80 | 50 | 260 |
| Nederlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Norvegio/krono | 75 | 190 | 470 | 280 | 170 | 940 |
| Nov-Zelando/dolaro | 20 | 50 | 125 | 75 | 45 | 250 |
| Pollando/zloto | 20 | 50 | 130 | 80 | 50 | 260 |
| Portugalio/eŭro | 8 | 20 | 50 | 32 | 20 | 100 |
| Rusio/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Slovakio/eŭro | 7 | 17 | 42 | 27 | 17 | 84 |
| Slovenio/eŭro | 7 | 18 | 45 | 29 | 18 | 90 |
| Svedio/krono | 90 | 220 | 550 | 350 | 220 | 1100 |
| Svislando/franko | 15 | 38 | 95 | 57 | 34 | 190 |
| Usono/dolaro | 13 | 32 | 79 | 47 | 28 | 158 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |
| TARIFO B/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |

**ALIAJ LANDOJ** Luksemburgo laŭ Belgio; Kipro kaj Malto laŭ Slovenio.
**TARIFO A** Honkongo, Korea Resp., Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
**TARIFO B** Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

# La ekesto de la mondo, laŭ ĉina tradicio

facila

Antaŭ tre-ege longe ekzistis nek la tero nek la ĉielo. Ĉio estis senorda nebulo kun ova formo. En ĝi dormis trankvile Pan Ku. Post 18 000 jaroj li vekiĝis furioza ĉar ĉirkaŭ li estis nur mallumo. Li movis siajn brakojn tre rapide por liberiĝi de la mallumo kaj li rompis la ovon. Ĉio, kio eliris el ĝi, disiĝis turniĝante rapide, kaj la malpezaj eroj iris supren kaj formis la ĉielon, kaj la pezaj malsupren kaj formis la teron.

Kvankam la tero kaj la ĉielo disiĝis, Pan Ku timis, ke eble la aferoj revenos al la antaŭa stato. Li do decidis teni la ĉielon kaj la teron dise per la brakoj tiel, ke ili pli kaj pli malproksimiĝis.

Tiel li daŭrigis dum jarcentoj, kaj danke al lia klopodo la ĉielo kaj la tero neniam rekuniĝis. Tamen, pro la daŭro de sia laboro, li mortis pro lacego. Lia korpo do transformiĝis al ĉio bela, kio nin ĉirkaŭas: lia spiro trans-form-iĝis en printempan venton kaj en vintran neĝon, lia voĉo iĝis **tondro**. Lia maldekstra okulo estas nun la suno, kiu varmigas dumtage, kaj lia dekstra okulo estas la luno, kiu lumigas la nokton. Liaj multnombraj kapharoj iĝis steloj kaj liaj brakoj kaj kruroj la kvar ĉefpunktoj. El lia sango estiĝis la riveroj, kiuj banas Ĉinion kaj liaj muskoloj estas nun frukto-dona tero kaj la vojoj, kiuj gvidas nin en ĉiuj direktoj. Liaj dentoj kaj ostoj transformiĝis al **gemoj**. El liaj haroj naskiĝis la plantoj kaj la arboj kaj el lia **ŝvito** pluvo.




VORTARETO

**Tondro** – Bruego, kiu okazas dum pluvego, kaj sekvas post granda lumo.
**Gemo** – Belega tre valora ŝtono.
**Ŝvito** – Akvo, kiun eligas la haŭto pro varmego, peno aŭ streĉo.